# POLA ESPERANTISTO

XXVIII JARO | AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1934 | 8 — 9 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTO WYDAWCA POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO.

REDAKTANTOJ REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.


# *Nia dudeksesa en Stokholmo.*

Kun vera malpacienco kaj dolĉa kortremo atendis la polaj gesamideanoj la alproksimiĝon de la tago de komuna ekskurso al la XXVI Universala Kongreso de Esperanto en Stokholmo.

La Esperantistoj de Pollando, ĉiam vigle partoprenantaj la universalajn kongresojn, pasintjare deklaris, ke ili ne povas veni al la Kongreso, aranĝita en Kolonjo.

Tre dolora estis la decido. Ĝi manifestis antaŭ la mondo, ke la samlandanoj de la Majstro daŭre restas fidelaj al la noblaj ideoj de Zamenhof.

Kun vera ĝojo pollandaj Esperantistoj veturis do nunjare al la Kongreso en Stokholmo por ĉeesti la feston de Esperantujo en libera lando, kie la altkulturaj loĝantoj neniel ĝenos homojn kun la Esperanto - insigno kaj montros sian simpation al la ideo de paca kunlaboro de ĉiuj popoloj.

Estis ankoraŭ kaŭzo por speciala ĝojo: Unuafoje pollanda Esperantistaro estis veturonta al la Kongreso per komuna ŝipo. Unuafoje pollanda Esperantistaro havis la eblecon pasigi la tutan vojaĝon kune, ĉe komuna tablo, je komunaj promenadoj sur la ferdeko, mallonge — kune.

**Sur la ferdeko de „Warszawa".**

Gdynia.

Pola haveno, kreskanta amerikskale, lama vilaĝeto, nun gravega pulsanta maraurbo, liganta Polujon kun la vasta mondo.

La 3-an de aŭgusto n. j. Gdynia vidis neordinarajn gastojn. Ĉiuj vagonaroj alportadis arojn da verdstelanoj. Homoj de estonteco venis al la urbo de estonteco.

Ĉiuj rapidas de la fervojstacio kun siaj pakaĵoj al la haveno, kie atendas jam nia komuna loĝejo — la ekskursŝipo „Warszawa" de la transmara ŝipsocieto „Linio Gdynia—Ameryka".

Ni venas al belega, moderna mar-stacidomo. Ni estas ĝentile priservataj kaj post nelonge ni troviĝas jam sur la ferdeko de la ŝipo.

Amasoj sur la bordo staras, rigardas nin kaj sendube envias nin. Nin, kiuj baldaŭ eknaĝos sur la marondoj al Stokholmo, la nunjara ĉefurbo de la Esperantujo.

Jen ni jam ekpaŝis surmare. Nia ŝipo jam komencis sian vojaĝon. Sed al ni, starantaj sur la ferdeko kaj rigardantaj la havenon, ŝajnas, ke la haveno fornaĝas malrapide de ni, dum ni trankvile staras surloke. Simila eraro pri kon-

traŭa kompreno de faktoj okazas ne nur sur maro al homoj, malmodeste opiniantaj sin centro de ĉio en la mondo.

Komenciĝis la kunvivado sur la ŝipo. Ni, la 78 Esperantistoj kune kun la ĉ. 120 ne-Esperantistoj, ankaŭ veturantaj sur nia ŝipo, formas kune malgrandan respublikon. Ĝi havas siajn leĝojn, sian ordon. Ne ekzistas en ĝi ordonoj, kiuj ja estas de homoj-homoj akceptataj kun malŝato kaj de homoj-maŝinoj kun sklavanima ĝojo. Leĝoj kaj ordo de nia mara respubliko-Esperantujero estas mildaj, dolĉaj, bonaj. Ili diras al ni, vojaĝantoj, ĉiupaŝe, ĉiuminute:

— Rigardu la senfinan, potencan maron, kiu jen furioze atakas, jen milde karesas. Admiru la belegon de la ŝaŭmantaj ondoj, observu la ludon de iliaj koloroj. Spiru per la freŝa, pura mara aero, libera de malamo, malŝato, malfido, elŝprucanta de homoj, tie, sur la tero.

Mildaj, dolĉaj kaj bonaj estas la leĝoj de nia mara respubliko.

Amo, konfido, komprenemo — jen ili estas, diritaj mallonge, sen paragrafoj.

Ni komprenis ilin, la leĝojn. Ni komprenis ilin sur la maro. Ni komprenis kaj volonte obeis. Kaj ni eksentis nin feliĉaj, veraj homoj, feliĉaj, veraj E s p e r a n t i s t o j.

Rapide pasadis belaj horoj sur la ŝipo. Nerimarkite ili forŝteliĝadis, kiam ni sidis dum longaj horoj, rigardante mute la ludon de ondoj, rapide ili dronadis en la eterneco, kiam ni amike interparoladis unu kun la alia aŭ senvorte kaptadis reciproke niajn intimajn pensojn.

Ĉiuj koroj, ĉies animoj estis refreŝigitaj, junigitaj. Egale vivplena, ĝoja kaj junpensa estis profesoro Bujvid, kiel la 9-jara Ludoviko Zamenhof, la nepo de nia Majstro.

Estis vera unuecigo. Ne tiu freneza, homecmortiga, homekstermanta, kontraŭnatura „unuecigo" de barbaroj. Sed vera unuecigo de koroj, unuiĝo de sentoj, komuneco de spiritoj.

Tial rido kaj ĝojo ne ĉesadis eĉ por minuto. Tial forgesiĝis ĉiuj hejmaj, surteraj zorgoj kaj malagrablaĵoj. Tial forbruliĝis sub mara suno la sulkoj de la sinjoroj kaj — laŭdire — ankaŭ de la sinjorinoj. Tial 60-jarulinoj sukcese konkuradis amindume kun 16-jaraj fraŭlinoj. Tial estis tre servema la oficistaro de la ŝipo. Tial kun indulga rideto marmalsanetis amiko Lejzerowicz. Tial ĝoja trio kun fervoro aperigadis humorŝprucigantan ŝipgazeton.

Kaj tial ankaŭ la kapitano mem s-ro Pacewicz, renkontinte profundnokte frostiĝintan paron sur la ferdeko, kun patra zorgemo kondukis ĝin al sia kajuto kaj varmigis ambaŭ per bonega, kapitana konjako.

**Solena malfermo de la Kongreso.**

Sabate, la 4-an de aŭgusto, je 7-a vespere nia ŝipo venis al Stokholma haveno. Rapide ni elŝipiĝis por povi ankoraŭ veni al la malferma kunsido de Kongreso, kiu estis fiksita jam por 6-a vespere.

Neniu bonvenigis nin ĉe la haveno. Ĉu nia unuhora malfruo de alveno kaŭzis tion aŭ ĉu niaj svedaj amikoj foriris ĉiuj al la kongresa solenaĵo? Ne estas tempo por pripensi tion. Ni rapidu, rapidegu al la malfermo.

Kaj ni faras tion, ni penas tion fari. Ni provas lui aŭtodroŝkojn por veturi al la Koncerta Domo, kiel la solenaĵo okazas. Sed, la ŝoforoj parolas nur svede. Ili ne komprenas alian lingvon. Ni do per diversaj mov-artifikoj fine komprenigas al ili nian deziron. La droŝkoj ekveturas kaj ni enpense konstatas la nepran utilecon de la internacia lingvo.

Ni fariĝas konvinkitaj Esperantistoj. Sed jen ni jam estas en la Koncerta Domo.

**(Daŭrigota).**

**J. Ŝapiro.**

## AVIZO DE LA REDAKCIO.

La sekvonta n-ro de nia gazeto alportos ne nur la daŭrigon de la kongresa raporto sed ankaŭ — laŭ deziro de multaj gesamideanoj — ankaŭ la plenan represon de la gaja ŝipgazeto, eldonata dum la kongresvojaĝo sur „Warszawa" de samideanoj Ŝapiro, Lejzerowicz kaj Rytenberg.

——o:O:o——

# NUNA SITUACIO DE U. E. A.

Dum la unua kunsido de la Internacia Komitato de U. E. A. en Stockholm, post kiam ne estis reelektita kiel Vicprezidanto Sro Dro Karsch, kaj kiel Komitatanoj s-roj Privat, Cseh, rezignis je sia posteno s-roj Stettler kiel Prezidanto de U. E. A. kaj H. Jakob je sia posteno de la Direktoro.

Novelektita estas Prezidanto S-ro Generalo L. Bastien. Por klarigi la nunan situacion, ni citas hodiaŭ la alvokon de novelektita Prezidanto, laŭ la teksto publikigita en „Nia Gazeto" n-ro 7, unua postkongresa n-ro. **La Red.**

### KAJ NUN, NI LABORU!

La Stokholma Kongreso finiĝis. En tiu kongreso oni multe laboris, sed... ĉu oni laboris?

Tion mi esperas.

Tre grandan honoron faris al mi la Komitato, elektante min kiel prezidanton de U. E. A.; ankaŭ tre grandan ŝarĝon ĝi metis sur miajn ŝultrojn. Sed, elektante s-ron Isbrücker kiel vicprezidanton, ĝi volis montri, ke ne plu estas du partioj, kiuj batalas unu kontraŭ la alia, sed granda unika partio: la Esperantista.

Finitaj do niaj senĉesaj diskutoj! For, for la disputoj! La tiel nomataj „malnova" kaj „nova" spiritoj harmonie kunfandiĝas en la unika „verda" spirito.

La kontraktoj signifas nenion, se ne ekzistas ambaŭflanke aspiro al konkordo. En ĉiu teksto, kiel ajn klara ĝi ŝajnas, oni povas trovi dubaĵojn, se oni kripliĝas sencon de vortoj: en la koroj, ne sur la papero kuŝas la paco...

Nun, post akraj bataloj en la antaŭaj kongresoj, post disiĝo de U. E. A. kaj de U. E. F., post la interkonsento de Kolonjo, kiu alportis nur surpaperan pacon, nun fine ni povas esperi la enkoran pacon. Super la Komitatanoj, kiuj ĉeestis la lastajn kunsidojn, regis plej perfekta konkordo: unuanimeco pri elekto de homoj, unuanimeco pri rimedoj por tirinin el la grava financa situacio en kiu ni sidas.

Jes, grava financa situacio!

Nia ĉiujara deficito atingas 15.000 ĝis 20.000 svisajn frankojn, kaj la monrezervoj de la Asocia Kapitalo (kapitalo Hodler) atingas nur 15.000 svisajn frankojn, el kiuj duono estas realigebla en la nuna momento. Tio signifas, ke se oni ne uzus rapidajn rimedojn, post kelkaj monatoj U. E. A. ne povus plu eĉ pagi siajn oficistojn!

Sed post la vero, la espero...

Nia Komitato konsistas el homoj, kiuj decidis, ke ili ne volas plu deficiton, kaj tuj ĝi komencis malpliigi multajn elspezojn, tiamaniere, ke dank' al diversaj radikalaj rimedoj, ni esperas, ke ni povos ekvilibri la venontan budĝeton.

Tiu Komitato konsistas el 35 personoj de plej diversaj landoj. Deksep ĉeestis la kongreson. Sen ia dubo la neĉeestantoj konfirmos la alprenitajn decidojn. Do ni esperu kaj fidu.

Ni venkos la malfacilajn cirkonstancojn, kaj poste U. E. A., kun budĝeto ekvilibra kaj unuanima Komitato daŭre iros sian normalan vojon, por la bono de Esperanto.

Oni vane asertis, ke en U. E. A. naciismo anstataŭis la antaŭan supernacieecon. La supernacieco de U. E. A. estas garantiata, ne de unu homo, kiu povas malaperi, sed per la konsisto mem de la komitato, en kiu neniu nacio povas superregi. Jen la sola firma bazo por la supernacieco.

Ni do trankviliĝu! Ni atingis la limon de la abismo, sed en ĝin ne rulfalos. Kontraŭe, la danĝero malfermis multajn okulojn, kaj nun ekzistas nur unu esperantistaro. Ĉiuj niaj fortoj estu streĉataj por la batalo, ne plu kontraŭ samideanoj, sed kontraŭ niaj veraj kaj ĉiamaj malamikoj: la nekomprenemo kaj la rutino! **Louis Bastien.**

# MARTIRA MORTO DE D-RO E. DOLLFUSS.

Ankoraŭ ne forsonis en nia rememoro Vienaj festarangoj kaŭze de Internacia Konferenco dum Pentekosto, kiam frape batis nin preskaŭ nekredebla sciiĝo pri terura mortatenco kontraŭ aŭstria kanceliero D-ro E. Dollfuss. Esperantistaro devas konsciiĝi, ke tiu bedaŭrindega perdo de nobla homa vivo estas por ni speciale dolora. Por ĉiam oni devas sur paĝoj de nia historio engravuri, ke registaro de Aŭstrio estas la unua inter ĉiuj regnoj de l' mondo, kiu serioze kaj amike komprenis niajn penojn kaj helpis ilin. Aŭstrio estas la unua regno, kiu ne

hezitis transdoni por Internacia Esperanto Muzeo pompajn salonojn de l' imperiestra kastelo, kaj mondfaman parlamentejon por kunsido de Internacia Esperanto Konferenco. Tion Esperantista popolo devas memori samkiel, ke aktiva ministro en registaro de Dollfuss Stockinger perradie parolis en lingvo Esperanto kaj malfermis Internacian Esperanto Konferencon en Vieno.

Estas ne eble supozi, ke tiaj faktoj de publika subteno de Esperanto okazu sen aprobo kaj konsento de ŝtatprezidanto, kanceliero kaj tuta registaro. Ke aŭstriaj plej superaj aŭtoritatoj estas por nia movado favoraj, tio de longe jam estis sciate, kaj dum Internacia Konferenco en Vieno tio estis klare pruvite per oficialaj akceptoj de Esperantistaro fare de ŝtatprezidanto Miklas kaj ministro Schuschnigg. Estinta kanceliero Dollfuss kun sia stabo vizitis kunvenon de esperantistoj kaj tre favore sintenis rilate ilin.

Se en aliaj landoj ĉe registaroj Esperanto trovus similan komprenon kaj apogon, do nia politika celo pri Internacia Konferenco de Regnoregistaroj por prilaboro kaj akcepto de Internacia Lingva Traktato estus proksima al sia realiĝo. Dume ni devas labori kaj konvinki por nia celo kaj idealo ne nur simplajn civitanojn sed ankaŭ regnestrojn kaj ministrojn.

Esperantistaro perdis en persono de kanceliero Dollfuss unu el tiaj apogantoj, en la kondiĉoj, kiuj elvokas kordoloron kaj senton de abomeno kontraŭ mortigistoj.

Pro tio plej profundan kondolencon Esperantistaro submetas al ŝtatprezidanto Miklas, al tuta aŭstria registaro kaj malfeliĉega familio de estinta kanceliero D-ro Dollfuss.

---

Prof. Bujwid post la terura okazintaĵo sendis kondolencan leteron al la familio de D-ro Dollfuss en la nomo de pollanda Esperantistaro. Sinjorino Dollfuss respondis dankante pro la memoro.

**HENRYK GIELB.**

## *La krizo de la parlamentarismo — kaj novaj konstitucioj.*

La postmilita tempo komencis epokon de 100-procenta demokrata ordo preskaŭ en la tuta mondo. Precipe tiuj ŝtatoj, kiuj post la milito reakiris sian sendependecon observis en plej puraj formoj la principojn de absoluta demokratio, — de „popol-regado". La konstitucioj de tiuj ŝtatoj estis faritaj en atmosfero de plena entuziasmo por la reakirita libereco, kaj aliflanke tre ofte la por-konstituciaj kunsidoj estis akompanataj de ankoraŭ ne estingitaj kanonado - bruoj de la finiĝanta mond-milito. Sed ankoraŭ alia, multe signifa fakto ne influis, ke la konstitucioj ricevis tiajn formojn. La revivigitaj ŝtatoj estis subite forĵetintaj la malfacilajn jugojn de siaj malliberigantoj, kiuj regis absolutisme, aplikante la absolutismajn principojn en la vivon senindulge, precipe en rilato al la subigitaj popoloj. La momento, kiam tiuj ŝtatoj, ĝis nun premataj sub la malmola kalkanumo de absolutismo, ricevis la eblecon decidi mem pri sia sorto, nepre estis reakcio kontraŭ la ĝisnuna stato. La reakcio do devis esti ekstrema, kiel ekstrema estis ĝis tiam la absolutisma regado. Tiu momento plej forte influis al la decidoj pri la konstitucio - formoj en multaj ŝtatoj. La samon oni povas observi ĉe la formiĝo de konstitucioj en aliaj ŝtatoj, kiuj neniam perdinte sian liberecon, vivis sub absolutismaj regadoj, kaj ili forigis la monarkojn per revolucio.

Tiel, la konstitucioj en multaj ŝtatoj elkreskis ne el pozitiva laboro, nur el negativa reakcio. La fruktoj de tiu elkreskaĵo rapide montriĝis; — konstitucio akirita por reakcia negativeco nur malofte estis taŭge aplikebla al la praktika vivo. Kaj ĝuste tio okazis. Nur malmultaj jaroj pasis de la praktika vivo de la priparolitaj regado - sistemoj, kaj en multaj landoj oni jam ellaboris novajn konstituciojn, pli praktikajn, pli taŭgajn por la konstrua laboro de koncernaj ŝtatoj. Unu el la plej malfavoraj faktoj de la ĝisnuna konstitucia sistemo de regadoj parlamentarismaj, estis la abunde elkreskinta partiismo. La parlamentoj de multaj ŝtatoj fariĝis marĉando - foiroj de multegaj partioj kaj partietoj, kie malofte temis pri la porŝtata bonoj; la bataloj estis kaŭzitaj de privataj ambicioj de „gviduloj" en ĉiu partieto. La registaroj fonditaj en cirkonstancoj kaj sur bazo de tiaj privataj parlamento - marĉandoj, neniam povis esti daŭraj, ĉar ili nenian

sukcesis kontentigi la privatajn ambiciojn de ĉiu ulo en iu partieto. Tial devis fali registaro post registaro, kaj la parlamentoj, anstataŭ fruktodone labori por la lando, forĝis kapitalon por ĉiu partieto, kiu devigadis la registaron krei por si (por siaj gviduloj) novajn postenojn, novajn „sinekurojn". Jen la paradokso: Kiam la krizo ekonomia kreskis, kaj la popolo ĉiam pli malriĉiĝis, tiam ankaŭ kreskis la nombroj de diversaj „ministroj", „vic-ministroj", kaj alispecaj „eminentuloj", ricevantaj grasegajn salajrojn. La ŝtatbudĝetoj, anstataŭ malgrandiĝi, koncerne al la eblecoj de la popoloj, ĉiam kreskis, koncerne al la ambicio de partietoj. Tiu stato nepre estis ŝanĝenda; — kaj vere: se ni rigardos en la eŭropajn ŝtatojn, ĉie daŭras laboro por ŝanĝi la konstitucion, en kelkaj ŝtatoj oni eĉ finis tiujn laborojn kaj enkondukis en la vivon la novajn regado - sistemojn. Malgraŭ la grandaj diferencoj inter la novaj konstitucio - formoj en multaj ŝtatoj, ĉie oni tamen povas rimarki komunan trajton de la celadoj — ĉiuj konstitucioj iras nun en direkton por pligrandiĝi la kompetencojn de la ŝtatprezidantoj kaj registaroj, kaj limigi la kompetencojn de la parlamentoj. La celo estas, sendependi la registaron de la — tre ofte arte farita — plimulto en la parlamento, kiu malebligas plenumi seninterrompe porŝtatan laboron. La menciitaj cirkonstancoj, kondiĉoj kaj celoj pli malpli koncernas ankaŭ la vivon de la pola parlamentarismo kaj ĝian nunan ŝanĝadon. La plej gravaj momentoj en la nova pola konstitucio, publikigita antaŭ kelkaj monatoj estas jenaj:

La ĉefo de la ŝtato estas la prezidanto, kiel plej supera instanco en la lando, havanta rajton de arbitro okaze de konflikto inter la registaro kaj parlamento. La arbitrecon plenumas la prezidanto sen kontrasignado (subskribo) de iu ajn. (Nun ĉiu akto de la prezidanto devas esti subskribita de la ĉefministro, aŭ de ministro de koncerna fako). La prezidanto nomas: ĉefministron, prezidanton de Supera Juĝejo, prezidanton de la Supera Kontrol - Komisiono kaj ĉefon de la Civila Kancelario de la prezidanto. La prezidanto ankaŭ nomas kaj eksigas la Ĝeneralan Inspektoron de la Armeo kaj Ĉefan Gvidanton de la Armeo. La prezidanto solvas (eksigas) la sejmon kaj senaton, (ambaŭ kune formas la polan parlamenton). La prezidanton elektas por 7 jaroj Kunveno de Elektoroj, konsistanta el: la Marŝalo de la sejmo, la Marŝalo de le senato, la Ĉefministro, Prezidanto de la Supera Juĝejo, Generala Inspektoro de la Armeo kaj el elektoroj elektitaj 50 de la sejmo kaj 25 de la senato. La eksprezidanto rajtas montri sian posteulon, kiu fariĝos prezidanto, se la Elektora Kunveno ne montros alian kandidaton kaj lin elektos. La Ĉefministro kaj la ministro respondecas politike antaŭ la prezidanto, kiu rajtas ĉiutempe ilin eksigi. Se la parlamento postulas forigon de la registaro aŭ de unu ministro, la prezidanto plenumas la postulon, aŭ utiligante sian arbitro - rajton li solvas (eksigas) la parlamenton. Elekto - rajton por la sejmo havas ĉiu civitano — aktivan 24 jara, pasivan 30 jara (ĝis nun 21 kaj 25 jaroj). La prezidanto rajtas solvi la parlamenton antaŭ la fino de ĝia kadenco. La imunitato (rajto ne esti arestita sen permeso de la parlamento) de la deputitoj estas limigita, kompare al la ĝisnuna stato. La senato, kies kompetencoj estas multe pligrandigitaj konsistos el 120 senatanoj kun dumvivaj titoloj, nomitaj por 6 jaroj (la sejm-deputitoj estas elektataj por 5 jaroj). 1/3 nomas la prezidanto kaj 2/3 estas elektitaj Post ĉiuj 3 jaroj foriras 1/3 de ĉiu grupo, laŭ la tempo de ilia elekto. La prezidanto rajtas ordoni ŝanĝon de la tuta senato. Elektorajton por la senato havas nur tiuj civitanoj, kiuj distingiĝis kaj estis rekonitaj pro sia porŝtata laboro. Por la unua senato, post validiĝo de tiu projekto, havos rajton elekti civitanoj posedantaj ordenojn „Virtuti Militari" kaj „Polonia Restituta" *) Leĝojn rajtas eldoni la parlamento (laŭ akceptitaj formalecoj), kaj la prezidanto, en formo de dekretoj. La konstitucio povas esti ŝanĝata laŭ iniciativo de la prezidanto, de la registaro, aŭ de 1/4 de la plena nombro da deputitoj. Kiel do ni vidas, laŭ tiuj plej gravaj momentoj de nia nova pola konstitucio, la kompetencoj de la prezidanto kaj de la registaro estas multe pligrandigitaj. Tiujn trajtojn ni trovas en ĉiuj konstitucioj aŭ konstitucio-projektoj de la lasta tempo. La nova konstitucio de Estonio ankaŭ kreas fortan kompetencon de la ŝtat-prezidanto

---

*) La artikoloj en la nova konstitucio kocernantaj la ordon de la senato, precipe la elekton de senatoj, plej verŝajne estos ŝanĝitaj. Oni diras, ke la ĝenerala voĉdonado por nomi senatanojn estos restigita.

NEKROLOGOJ.

# LA FAMILIO ZAMENHOFA MALPLIIĜAS.

**HENRIKO HERMELIN**

bofrato de la Majstro, — **in memoriam.**

El la „Galerio de Zamenhofoj" la morto senkompate deprenas ĉiam pli kaj pli. Jam ne — kiel iam — ĉiukelkjare, sed ĉiukelkmonate iras en la tombon unu post alia. Felikso, Leono kaj nun — la edzo de ilia fratino Aŭgusta — Henriko Hermelin.

Refoje la sama kaŭzo: la koro!

La 23-an de junio 1934 ĉesis bati la koro de tiu senriproĉe nobla homo.

Al la orfiĝintaj infanoj, precipe al nia agema samideanino Emilia mi permesas al mi ĉi - voje esprimi la plej profundan kunsenton.

Estu la tero al Li malpeza!

Estu la vivo al ili — restintoj — pli malkruela!

**Edvardo Wiesenfeld, L. K.**

Varsovio, 27. VI. 1934.

# H. BRONSTEIN

**(FER VORA)**

La senkompata morto forrabis el niaj vicoj ree ageman kaj persistan samideanon. Senlaca kaj fervora propagandisto, oratoro kaj poeto, li — malgraŭ sia juna aĝo (42 j.) kaj malgraŭ la pezaj viv-kondiĉoj — dum 25 jaroj fordonis ĉiun sian liberan minuton al Esperanto.

El la tempo, kiam nia lingvo apartenis ankoraŭ al la „projektoj", kiam pro sia juneco ĝi ne havis ankoraŭ la eblon pruvi al la mondo pri sia vivebleco, la juna Bronstein jam senlace propagandis tiun lingvon kaj — por pli efike agadi li organizadis multajn kursojn. Liaj lernantoj estas tiom multnombraj, ke povas nun jam prezenti evidentan anaron.

En la organiza movado li ekde la unua momento okupis plej unuajn lokojn kaj ĉu per siaj saĝaj konsiloj, ĉu per konsciencplena agemo estis plej utila samideano.

Unu el la fondintoj de l' junulara societo „Ero" en Varsovio 1912, li longan tempon estis ĝia brila gvidanto, kaj propramane skribadis la dum kelka tempo eldonatan hektografie gazeton sub la sama nomo. La societo funkciis tre vigle kaj bonege prosperis. Eĉ la Majstro estis plenege kontenta de ĝia agado. Bedaŭrinde la eksplodo de l' mondmilito — ĉesigis la vivon de „Ero".

Reveninte el la militservo (post la mondmilito) B. ne sidas trankvile. Baldaŭ oni ree lin vidas inter plej fervoraj pioniroj de nia movado en Varsovio.

Ekde la fondiĝo de KONKORDO Br. okupas en ĝi unu el plej evidentaj lokoj kaj senlace laboras por ĝi (ĉu per kursgvidado, ĉu per belprelegoj, ĉu deklamoj, ĉu eĉ per pure komitata laboro).

Silente, senbrue sed ankaŭ senlace okazis la utilega laboro de Br.

Perfekta lingvisto, senriproĉa stilisto, plej lerta tradukisto kaj poeto li siatempe multe aperigadis poeziaĵojn en „Pola E-sto" k. aliaj.

Ankaŭ li longan tempon prilaboris lernolibron de Esp-o por hebreoj. Nur kiam li eksciis, ke tiam prilaboras Lejzerowicz, li ĉesis pri tio okupiĝi.

Unu el plej agemaj, plej utilaj Esperantistoj.

Plej meritoplena — tamen malmulte konata soldato de nia verda armeo.

Ripozu en paco, kara instruinto!

Viaj meritoj ne permesos pri Vi forgesi!

**Edvardo Wiesenfeld, L. K.**

Varsovio, 29. VII. 34.

**LEONO VIENANO.**

# LINGVA ANGULO.

**(Daŭrigo)**

25) En „Nia Gazeto" Nr. 5 kritikas (ŝajne, iom tro „maldelikate") s-o Salo Kornfeld mian opinion pri uzo de „ĉirkaŭ" (ekz. Tio daŭris ĉirkaŭ kvin horoj), postulanta kiel ĉiu prepozicio la nominativon (vidu „Lingva angulo" Nr. 5, 6, 12 kaj 19-a). Por pruvi la „falsecon" de l' opinio, li citas la jenan elti-

rajon el „Lingvaj Respondo," de Zamenhof:

„La akuzativo en nia lingvo neniam dependas de la antaŭiranta prepozicio (ĉar la prepozicioj per si mem neniam postulas ĉe ni la akuzativon), sed nur de la senco".

Plue klarigas la skribinto: — Kaj post „daŭri" oni uzas akuzativon. Jen kelkaj ekzemploj ĉe Zamenhof pri uzo de akuzativo post „ĉirkaŭ": „Jakob metis sakaĵon ĉirkaŭ sian lumbon; la virino ĵetis ambaŭ brakojn ĉirkaŭ la kolon de l'knabino; mi bezonas nur ĉirkaŭ ducent rublojn". Do, via (t. e. mia L. V.) opinio pri paralizo de „daŭri" post „ĉirkaŭ" estas falsa.

Ĉi ĉion mi citas laŭvorte el la menciita gazeto, preterlasante nur la „spritajn" esprimojn, havantajn nenion komunan kun la esenco de la problemo kaj malaltigantajn la konvenan nivelon de la diskuto. Al la legantoj mi ŝuldas klarigojn kontakte kun la supre citita „kritiko" kaj por ili mi plenumas mian devon.

Do, estas antaŭ ĉio substrekinde, ke la citita eltiraĵo el „Lingvaj Respondoj" de Z. ne estas tutaĵo. El la originalo pĝ. 40, 41 ni citu ankaŭ la duan parton de la sama respondo, por klarigi la problemon, pri kiu temas en la unua, jam citita, parto:

„...La akuzativon ni uzas nur en tri okazoj:

a) por montri la suferanton de la faro (t. e. post verboj, havantaj sencon aktivan), ekzemple „mi batas lin", „mi diras la vorton".

b) por montri direkton (t. e. movadon al ia loko en diferenco de movado sur ia loko), se la prepozicio mem tion ĉi ne montras; ekzemple, ni diras „mi venas al la celo (ne „al la celon"), ĉar „al" mem jam montras direkton, sed ni devas diferencigi inter „mi amas iri en la urbo" kaj „mi amas iri en la urbon" (aŭ simple „iri la urbon") laŭ tio, ĉu mi amas iri sur la stratoj de la urbo aŭ ĉu mi amas iri el ekstere en la urbon („iri al la urbo" signifas nur aliri sed ne eniri):

c) en ĉiuj okazoj, kiam ni ne scias, kian prepozicion uzi, ni povas uzi la akuzativon anstataŭ la prepozicio „je": ekzemple en la esprimo „mi kontentiĝas tion ĉi" la akuzativo ne dependas de la verbo „kontentiĝas", sed anstataŭas nur la forlasitan prepozicion „je" (— „mi kontentiĝas je tio ĉi")" —.

Nun ni certe tute klare komprenas la veran sencon de la unua parto de l' eltiraĵo pri la akuzativo, citita en „Nia Gazeto". La jena regulo pri akuzativo estas sendube respondo al leganto, demandinta pri la akuzativo post la prepozicio en frazo, kiel ekz. „mi iras en la urbon" (montro de direkto) kaj Zamenhof klarigas: „La akuzativo en nia lingvo neniam dependas de la antaŭiranta prepozicio (ĉar la prepozicioj per si mem neniam postulas ĉe ni la akuzativon), sed nur de la senco", t. e. de la senco, esprimiĝanta en la cititaj de Z. tri okazoj kaj kun prepozicio nur kiam temas pri montro de direkto, punkto b) en la citita respondo de Z.

Du ekzemploj cititaj de s-o Salo Kornfeld en „Nia Gazeto" esprimas ja direkton post „meti" „ĵeti", tial la akuzativo estas tute komprenebla (regulo 13. de Esp. gramatiko), sed kiam ne estas montrita direkto post prepozicio sekvas ĉiam **nominativo** (regulo 8. de Esp. gramatiko)

Do, en la frazo: „Tio daŭris ĉirkaŭ kvin horoj" nur la nominativo estas korekta, „ĉar danke la intervenon de la vorto „ĉirkaŭ" la „kvin horoj" jam ne dependas rekte de la „daŭris".

La lasta klarigo estas nenio alia ol citaĵo el la samaj „Lingvaj Respondoj" de Z. sur la sama paĝo 40. titolita: Nominativo post „po", kiun mi permesas al mi citi, ĉar ĝi koncernas kaj klarigas la saman **problemon:**

„Inter la esprimoj „doni po 2 pecojn" kaj „doni po 2 pecoj" estas ankoraŭ malfacile diri kiu estas la pli bona, kaj tial ambaŭ esprimoj estas uzeblaj kaj bonaj. Tamen konsiderante, ke **danke la intervenon de la vorto „po" la „pecoj" jam ne dependas rekte de la „doni", ni konsilas uzi post „po" (tiel same kiel post „da") la nominativon („doni po 2 pecoj").** Alia kaŭzo por tiu ĉi konsilo estas ankaŭ la cirkonstanco, ke laŭ nia opinio „ĉie, kie oni dubas inter la nominativo kaj akuzativo oni devas uzi la nominativon".

Ke la prepozicio paralizas la regon de la verbo, provu aldone tia simpla frazo: „Mi vidas multajn **homojn** (akuzativo post „vidi"), sed: „Mi vidas multe da **homoj** (nominativo, kaŭzita de la interveno de prepozicio „da", kiu paralizas

la influon de la verbo „vidi" sur la substantivo „homoj". Pri la samo skribas Zamenhof en „Lingvaj Respondoj" pĝ. 64:

„...ĉar en la lasta esprimo (mi konas tiom da homoj) la formo „homoj" dependas ne de la vorto „konas", sed de la prepozicio „da", kiu ne postulas la akuzativon".

Ĉu post ĉi ĉiuj klarigoj kaj reguloj, formulitaj de Zamenhof mem povas ekzisti ankoraŭ iaj ajn duboj pri la ĝusteco de uzo de nominativo post la prepozicio „ĉirkaŭ" (sed ne „ĉirkaŭe", kio estas adverbo)? **Nepre ne.**

La frazo „Ni bezonas ĉirkaŭ ducent rublojn" estas la sola inter multo da ekzemploj Zamenhofaj, aprobantaj la opinion, eldiritan de Zamenhof mem. Oni devas supozi en la menciita frazo, ke aŭ „ĉirkaŭ" estas anstataŭ „ĉirkaŭe" aŭ „rublojn" anst. „rubloj". La regulo pri rego de „ĉirkaŭ" estas logika kaj simpla kaj ĝia solvo estas infane facila.

En la sama maniero estas tute ĝuste klarigita la uzo de „ĉirkaŭ" kaj „ĉirkaŭe" en la „Plena Vortaro", pri kiu s-o Salo Kornfeld certe scias, ke ĝi enhavas ankaŭ „Komunlingvan Parton", cetere tre interesan, atentindan kaj lernindan.

26) S-o Salo Kornfeld „atakis" ankaŭ la opinion pri „morgaŭ" kaj „morgaŭe" (Lingva angulo nro 5), malaprobante ĝin, ĉar li „aŭdas ĝin la unuan fojon". Tia fakto ne estas ja sufiĉa kaŭzo por malaprobo. Mi donas pluajn klarigojn.

Inter „morgaŭ" kaj „morgaŭe" estas klara vortnuanca diferenco. Aldonante la adverban finaĵon „e" al la vorto „morgaŭ" ni elvokas sencon de ĝeneraleco. Ni kvazaŭ ĝeneraligas la esprimon „morgaŭ" (signifanta: la tago post la hodiaŭa tago, post la tago, kiu daŭras **dum la parolado, post estanta tago)** al morgaŭo, kiu sekvas post tago estinta, estanta aŭ estonta; morgaŭe — la morgaŭan tagon. La vasta uzebleco de la Esperanta adverbo tute klare prezentas la aferon. Ekz. Kiam vi venos al mi? — Morgaŭ. Kiam oni ricevas leteron enlande? Morgaŭe aŭ „la morgaŭan tagon". (aŭ „post unu tago") t. e. unu tagon post la elsendo de la letero. Mi ripetas: morgaŭ (pole) — jutro, morgaŭe (pole) — nazajutrz. Ĉiu lingvo posedas koncernajn du formojn por la menciitaj diferencaj nuancoj.

27) Koncerne kelkajn **adjektivajn** kaj **verbajn** radikojn uzatajn kun la prep. „sen" kiel „sendependa, sentaŭga" (anstataŭ „nedependa, maltaŭga") mi **ne** skribis, ke ili estas malkorektaj (vidu „Lingva angulo" nro 8). Kontraŭe, mi substrekis, ke „la reganta vortreĝimo estas ekster ĉia dubo" kaj tute senbezone citas s-o Salo Kornfeld vortojn kun „sen" eĉ antaŭ substantivaj radikoj, aŭ kies substantiviĝo estas tion ofta, ke ĝi kvazaŭ „egalas" substantivan radikon. La prepozicia prefikso „sen" formas pli intensan neadon ol „ne". Tiaj vortoj svarmas kaj estas ĉie ĝuste uzataj. Mi nur rimarkigis, ke tia kunmetaĵo kiel „maltaŭga, maltaŭgulo, maltaŭgeco" estas pli zorge formita ol „sentaŭga, sentaŭgulo" ktp. Kaj laŭ Zamenhof „en lingvo artefarita ĉiu havas la rajton uzi formon pli logikan, kvankam neniu ĝis nun ĝin uzis, kaj li —povas esti konvinkita, ke se lia formo estas efektive bona ĝi baldaŭ trovos multajn imitantojn kaj iom post iom elpuŝos la malpli logikan, kvankam ĝis nun pli uzatan formon malnovan". („Lingvaj Respondoj" pĝ. 26.)

## 26.280.000 ESPERANTO-LECIONOJ POR FESTI LA 50-JARAN JUBILEON.

Tri jaroj forflugos rapide kaj ni devos solene festi la duonan cent-jaron de l' apero de nia lingvo en la mondo. Certe ĉiu esperantisto jam nun pripensas kiamaniere li aŭ ŝi plej bone festos la duan de junio 1937a.

Por mi persone mi jam solvis la problemon.

Mia programo estas starigita, kaj mi vigle laboradas por ĝin plenumi kiel eble plej baldaŭ. Jen ĝi estas:

Mi trudis al mi mem la devon dissendi tiom da lecionoj pri Esperanto, kiom da minutoj forpasis depost la apero de la broŝureto de D-ro Esperanto.

Kiamaniere fari tion, se mi ne havas monon por tia grandega eldono kaj dissendadokosto?

Tute simple! Mi verkis kurson de Esperanto en 30 lecionoj kaj ĝin mimeogra-

fis je 300 kopioj. Nun mi skribas leterojn al la gazetoj proponante la publikigon de la kurso (kvazaŭ ĝi devus esti ankoraŭ verkita por ĉiu gazeto). Multaj gazetoj eĉ ne atentas min — malĝentiluloj! — sed aliaj akceptas kun plezuro mian proponon.

Ĝis la momento kiam mi skribas ĉi-tiun noton (post trimonata pledado) 102 gazetoj jam aprobis mian planon kaj komencis la publikigon de la lecionoj. Kelkaj el ili jam presigis la dekan lecionon, aliaj nur la antaŭparolon. Estas necese varbi 300 gazetojn po 3.000 ekzempleroj po semajno, por ke de la 30 lecionoj oni faru 27 milionojn da kopioj.

Mi kalkulas nur po 3000 kopioj ponumere de la gazetoj, ĉar mia plej granda sukceso ĝis nun estis ĉe malgrandaj gazetoj en urbetoj.

Mi estas jam plene konvinkita, ke mi facile atingos la nombron, kiun mi al mi mem trudis, ĉar se mi timus malsukceson, mi tute ne kuraĝus publikigi la planon. En la lando estas 3.000 gazetoj, kaj ĝis nun mi skribis nur al 524. Mi ne ripozos ĝis kiam mi atingos la antaŭfiksitan nombron, sed ĝis nun la afero donis al mi tiom da plezuro, ke mi eble neniam ĉesos.

Kompreneble, se ĉiu samideano en la mondo trudus al si la saman programon, la gazeteldonistoj furioziĝus; sed aliaj povos festi multe pli bele kaj efike nian jubileon. Ekzemple per eldonado de alloga lerniloj kaj ilia disvendado en ĉiuj librejoj de difinita lando aŭ urbo; per disradiado de kursoj, ktp.

**Ismael Gomes Braga.**
**Rua José Vicente, 79**
**Andarahy-Rio de Janeiro — Brazilo.**

---

Juna, japana samideano, kolektas naciajn poŝtkartojn de diversaj landoj. **Adreso:** Jas Ozaki, Tokio - Fu. Kitatama-gun. Fuchu. Shinshiku 8075.

**Libroamantoj — atentu!** Unikaĵo! La unua broŝuro de nia Majstro „Dr. Esperanto" de la j. 1887. — havebla. **Adreso:** Erna Zimand, Kolomyja, Słowackiego 28a.

---

# *NUMERO KVIN.*

**Dediĉita al D-ro Mieczysław Zamenhof.**

En ĉambro mia parfumodoro,
Kaj ĝia nomo „Numero Kvin".
Parfumojn donis al mi doktoro,
Vi ĉiuj bone jam konas lin.

Antaŭ foriro el Varsovio
Al la belega nia kongres',
La lastan lundon en la julio
Al mi li venis. Adiaŭis, jes,

Kaj kun rideto, kaj kun modesto
Al mi donacis „Numeron Kvin",
Ke mi dum longa lia foresto
Neniel tamen forgesu lin.

Do, mi nun pensas pri vi, doktoro,
Sed ankaŭ petas: memoru min,
En ĉambro mia parfumodoro,
Kaj ĝia nomo „Numero Kvin".

**Varsovio, 1. VIII. 1934.**

**Halina Weinstein.**

# *Al XXVI Universala Kongreso de Esperanto en Stokholm.*

— Ne veturu al Stokholmo, —
Diris la doktoro —
Marvojaĝon ja ne ŝatas
La malforta koro.

— Mi ĝin lasos en Polujo, —
Diris mi ĝojvoĉe —
Mi vojaĝos sen la koro! —
Sed aŭdu! Riproĉe

Min rigardis kuracisto:
— Resaniĝi penu,
Kaj sen koro la Kongreson
Vi ne partoprenu.

Do mi restis larmokule,
Obeis doktoron,
Sed al bela la Kongreso
Sendis mian koron.

Mi salutas vin, Stokholmo,
Kaj vin, kongresanoj,
Vin, venintaj el tutmondo,
El transoceanoj,

El oriento, okcidento,
Sudo kaj la nordo.
Vi pasigu bone tempon
Ĉe la Balta bordo.

Mi salutas tre sincere
Vin el malproksime,
Kun vi ĉiuj en Stokholmo
Estas mi anime.

**Halina Weinstein.**

En Varsovio, 2. VIII. 1934.

# LETERO.

Londono, la 24-an de aŭgusto 1934.

Al Redakcio de Pola Esperantisto.

Estimataj Sinjoroj!

Kun plezuro mi legis la artikolon de S-ro Oskar Berman en kiu li afable mencias min. Ĉar li havis gvidistinon por sia grupo de turistoj, nome F-ino Klarfeld, mi estis libera helpi en gvidado de aliaj polaj vizitantoj el la sama ŝipo, kaj do nur per la artikolo mem mi nun konstatas kiel multe, en tiel mallonga tempo, vidis kaj eksciis S-ro Berman kaj liaj amikoj. Mi tre ĝojas, ke al li tiel plaĉis nia granda metropolo, kaj forte esperas, ke estonte ni havos la plezuron akcepti multajn pluajn vizitantojn el Polujo!

Eble se spaco permesas, vi povos aldoni kelkajn vortojn de mi mem. Mi timas, ke, pro la rapideco de sia rendiro, S-ro Berman (kiu cetere tre bone informas la leganton ĝenerale en sia artikolo) iom miskomprenis unu-du aferojn kaj kvankam li skribas tre komplimente, la ĝustigo ne estos malbona. Ekzemple, ne estas (dank' al Dio!) du milionoj da aŭtomobiloj en Londono; efektive estas ja sufiĉe da ili en niaj stratoj, sed la citita cifero estas tiu por tuta Anglujo — kaj eĉ enhavas aŭtociklojn. Plej certe „ĉiu kvara londonano" ne posedas aŭton!

Tamen, S-ro Berman estas prava je la de vi „ĉuita" aserto, ke por ĉirkaŭiri Londonon oni devas veturi 35—40 klm. Kaj pli ol tio, se oni deziras ampleksi ĉiujn antaŭurbojn. De Greenwich, kie la polaj vizitantoj elŝipiĝis, ĝis la centro de la urbego estas mem distanco de 8 klm. Kompreneble, neniu londonano plene konas la urbon, tre ofte, vizitantoj vidas pli ol la urbanoj. Ekzemple, la havena kvartalo (en si mem tre granda) estas nekonata al multaj londonanoj ĉar ĝi kuŝas aparte de la ĉefaj komercaj kaj ordinaraj loĝ-kvartaloj.

Sed, kiam oni parolas pri „Londono", oni povas havi diversajn konceptojn pri ĝi. Kiam oni diras, ke ĝi enhavas 8 milionojn da loĝantoj, oni komprenigas per tio grandan distrikton ĉirkaŭe (multe pli ol 40 klm. rondire), kiu enhavas multajn aparte administratajn urbojn, ankaŭ grandajn etendojn de kampoj. Tiu estas la t. n. „Pligranda Londono", — kiu estas, efektive, la „Metropola Polic-Distrikto". Administra Londono, kiel unu komunumo (tamen mem subdividata) enhavas nur 4½ milionoj da homoj. Ankaŭ estas „poŝta" Londono, „akvoproviza" Londono, k. c., kun malsamaj limoj laŭ la cirkonstancoj.

Nu — dankon kaj saluton al s-ro Berman!

Samidene via

Bernard Long

# LA ARĜENTA PANTOFLETO.

Ŝi observis ĝin longe.

Kiomfoje ŝi preteriris, tiomfoje ŝiaj sopirantaj okuloj englutis ĝian arĝentumitan ekbrilon kaj senkomparan ĉarmon.

Ŝi volupteme duonfermis la okulojn, kaj ŝiaj lipoj tremetis.

Ŝi sin kuŝigis por dormi kun penso pri ĝi.

Vekiĝante dum nokto, ŝi rememoris ĝin per dolĉa sopiro.

Ŝi karese alpremis vizaĝon al kuseno kaj silente ploris pro ĝi.

Ŝi kovris per kisoj — en imago — ĝiajn subtilajn krampetojn kaj malgrandajn steletojn, ornamantajn ĝin kelkloke.

— La arĝenta pantofleto. —

Ĝi estis neefektivigebla revo por ŝi. La arĝentaj pantofletoj kostis duonon de ŝia salajro. Vane ŝi tiel diligente resumis monerojn. Ĉe plej granda ŝparemo sufiĉus apenaŭ por kalkanumo. La realeco estis frakasanta per sia logiko de neelpeteblaj resume ciferoj. Sed la revo konstante revenadis pli forta ol realeco. Sin leviĝante en mateno, ŝi duonmortis pro timo, ke ŝi jam eble ne vidos ĝin sur fenestra ekspozicio. Jam de malproksime ŝiaj okuloj serĉis maltrankvile la arĝentan ekbrilon post vitro. Ĝi estis tamen.

Jam kvara tago, sed kio fariĝos la kvinan. La spasmo de malespero kaptadis ŝin je gorĝo. Jen ĉiuminute ŝi povis ĝin perdi.

— — — — — — — —

Li iris kun rideto sur lipoj. Faladis sekaj neĝeroj, kuŝiĝante sur liajn humidajn lipojn, delikate karesante ilin per degelo.

Li havis en animo karnevalan inspiron. Liaj oreloj ĝojiĝis per sonorado de preterkurantaj ĉiumomente glitveturiloj. La okuloj vagis tra butikaj fenestroj kaj

ridetis indulĝeme al koloraj sinjorinĉapeloj, roboj kaj puntoj. Ekvidinte librojn, ili ekbrilis per scivolemo, sin enuinte en grizeco de emajlaj kuiriloj, kaj vigliĝante per frandemo al boteloj da brando.

Subite liaj lipoj esprimoplene ekridetis.

— La arĝenta pantofleto.

Li ekhaltis. Belega.

Li rigardis ĝian arĝentan ekbrilon kaj senkomparan distingon.

Kiu vin portos? Kies piedeton vi ornamos? Ĉu vin havos lerta piedeto de dancistino, laciĝanta en peno de furioza movado, en lumo de grandiozaj reflektoroj, kaj vekanta aron da aplaŭdoj?

Ĉu eble juna edzino — elegantulino venigos tien - ĉi sian edzon kaj karese sin alpremante al lia flanko, elflustros: — Aĉetu al mi tiajn pantofletojn, kiel tiuj ĉi.

Ĉu vi ornamos la piedojn de fiera, flirtema virino, kaj flamoj de peka avido kisos vian malvarman arĝenton?

Ĉu per tremantaj manoj enmetos vin junulino, intencanta iri unuan fojon al balo kaj fantazianta pli mirindajn songojn ol fabelo revigi scipovos?

Ĉu vi ornamos piedeton de virino, kies koro estos plenmalespera, kiel vojo al neelpetebla morto, kaj buŝeto ridos, mensogante al ĝojo?

Ĉu vi brilos sur tremantaj de interna maltrankvilo piedetoj de krimulino, kiu per ponardo mortigos sian amaton?

Ĉu eble vi kondukos sur malreklan vojeton de perfido, adoritan kiel diino, sed enuigitan edzinon?

Ĉu eble vi kondukos ies etajn piedetojn sur vojon de gloro?

Kies ajn vi ornamos piedetojn, beleta estos ilia posedantino, ĉar vi estas tiel malgranda kaj delikata, ke nur belega virino povos vin porti.

Kaj subite lia koro kuntiriĝis de silenta bedaŭro. Ĉar jen li havis neniun, al kiu li povus aĉeti la belajn etajn pantofletojn.

— — — — — — — —

La grandaj malhelaj okuloj ensorbis en sin la arĝentan ekbrilon kaj senkomparan ĉarmon de la pantofleto. La okuloj volupteme duonfermiĝis, la lipoj delikate tremetis. Sur ŝian nekorpulentan etan figuron falis neĝo, sukerigante ŝin tute. La blondaj bukloj videblaj de sub ĉapelo, aspektis blanke de neĝo. Roziĝis en ili delikate ŝia junbela vizaĝeto. La etaj piedetoj vestitaj en mizeraj ŝuetaĉoj piedfrapis delikate, ĉar malvarme estis al ili de neĝo.

La malgajaj, malhelaj okuloj rigardis kun bedaŭro la arĝentan pantofleton. La malgrandaj lipoj tremetis per trankviliĝanta ĝemo de malespero.

Ŝi songis hodiaŭ nokte, ke la pantofleto malaperis de ekspozicio.

Ŝi havis antaŭsenton, ke vidos ĝin lastan fojon. Ŝi ne sentis, ke ŝi estas observata per grizaj, bonaj okuloj de viro, kiu irante laŭ radioj de ŝia rigardo, ektrovis la objekton de ŝia deziro. La forto de vidsento de viro altiris fine ŝiajn okulojn. Ili rigardis unu la alian...

— — — — — — — —

Kaj la malgranda arĝenta pantofleto ekornamis ŝian piedeton.

Kaj la bona grizokula viro havis mirindan songon. Jen li eksongis pri la arĝenta pantofleto, komence eta kiel ĉe la ekspozicio, tamen daŭre grandiĝanta. Fine la pantofleto fariĝis tiel granda, ke li sin kaŝis tute sub ĝi, ne montrante eĉ fincn de sia nazo.

Elpoligis:
**Misiewicz Wl. (Radom).**

# RECENZOJ.

Sur la ĉefa loko inter la gazetoj devas stariĝi unu el plej bone redaktataj „Nia Gazeto". Nice, Francujo. Av. de la Victoire. Monata. Sub la sperta gvidado de jam delonge konata franca pioniro de nia lingvo, samideano Georges Avril, kiu dum kelkaj jaroj gvidis Esperanto Angulon en Eclaireur du Soir kaj skribis kelkajn valoregajn librojn esperantlingve kaj sub la redaktado de Grenkamp - Kornfeld, konata pola Lingvo Komitatano kaj bonega oratoro, la gazeto estas tre interesa kaj vivplena organo de esperantistaro. Ni estas certaj, ke en mallonga tempo Nia Gazeto iĝos unuaranga internacia organo kaj esperas, ke ĝi komencos aperadi almenaŭ dusemajne.

El la lasta nro estas legindaj kelkaj tre interesaj artikoloj de Grenkamp, Baghy, Dro Stanisic, Lingvaj diskutoj de Pierre Corret. Kuracista Angulo de Dro Briquet kaj kelkaj aliaj.

Speciale interesaj estas kelkaj artikoloj, kiuj pruvas, ke, bedaŭrinde, nia Espe-

rantujo ne estas la sama de la Zamenhofaj tempoj. La mondo malsaniĝis je la grava kapturniĝo kaj ne pli diferenciĝas la ideojn de la senideeco. Pli kaj pli oni vidas nur la senidean skeleton de la Zamenhofa ideo.

Tion ĉion vi trovas, kara leganto, trafoliumante — ne, diligente tralegante la lastajn n-rojn de Nia Gazeto.

Do bonvolu konatiĝi kun ĝi. Tio valoras. **B.**

**ENCYKLOPEDYCZNY SŁOWNIK ESPERANCKO - POLSKI,** w oprac. Miecz. Gutermana. Zeszyt Nr. 1. Nakładem „Esperanta dla Wszystkich", Warszawa. Sierpień 1934.

Aperis la unua kajero de tiu de longe antaŭanoncita vortaro esperanto-pola. Ĝi aperos en sinsekvaj monataj kajeroj kaj ampleksos ĉ. 600 paĝojn.

La kajero aperinta prezentiĝas tre alloge. Sur bona papero, grandaj literoj esperantaj, malpli grandaj estas la polaj, fine tute malgrandaj la klarigoj. Estas domaĝe, ke la esperantaj literoj ĉ, ĝ ktp. malsimilas al la ceteraj, nome la preseĵo posedas nur unu solan kompleton de presliteroj esperantaj kaj tio malbeligas la aspekton de la vortaro. Estas vere konsilinde rekomposti la unuan provkajerojn en alia, pli riĉa kompostejo.

Pri la enhavo, mi trovis, laŭ peto de la aŭtoro mem, ke mi serĉu kaj recenzu en P. E., jenajn rimarkindaĵojn:

**Aberacio** devas porti la noton **jur.** ne nur **opt.** kaj **astr** Komparu aberratio ictus t. e. flankeniĝo de pafo k. s.

Plumeraro estas manko de „**abolicio**", kvankam ne mankas „abolicii".

Anstataŭ per „abomeni" la vortaro devas komenci per „**abomeno**", ĉar tiel ordonas la „Universala Vortaro" de Zamenhof, la sole decidanta pri tia afero.

Mi persone forjetus el la vortaro la vorton „aboninto" kaj lasus sole „abonanto". Ni ne transprenu kutimojn fremdajn, precipe francismajn.

„**Aborto**" eble ne estas „spędzenie płodu", tial mi konsilas forjeti la cititan tradukon.

Iom riske estas doni al „**abstrakti**" la tradukon: abstrahować!

La vorteto „**aĉa**" devus nepre tradukiĝi per: marny.

**Admoni** = upominać, la vorto monitować, estas fremda en Sudpolujo ne konata tiom ege. Ĉe ni oni diras: upominać, upomnienie, list upominalny, pozew upominawczy. La laste citita estas trovebla en la tutpola kodo de civila proceso: „postępowanie upominawcze".

**Adopti** estas en juro tradukata per la vorto: przysposobić, przysposobieniec, przysposobiciel ktp. Vidu la par. 179—185 de eks-aŭstria kodo civila en la traduko de Dbałowski.

Iom strange vidi, ke **aglutini** estas jen transitiva (1. kaj 2), jen netransitiva (3). Gramatikistoj, kemiistoj kaj kuracistoj devus nepre interkonsenti pri tio, por ke ne estu tia stranga interbatalo en aliaj lingvoj netrovebla.

**Dr. Leopold Dreher, L. K.**

---

# *Bibliografjo.*

(Unuoble ricevitajn verkojn ni mencias, duoble ni recenzas aŭ mencias).

**W. Sieroszewski:** Marŝalo Józef Piłsudski. Trad. Mgr. Fil. B. Strelczyk. Eld. Pola Esperanto Asocio, Varsovio.

**Henryk Sienkiewicz:** Orso; rakonto. Trad. A. Oberrotman.

**Stellan Engholm:** Infanoj en Torento.

**Antono Hekler:** Arthistorio. Trad. K. Kalocsay.

ambaŭ eldonoj de Lit. Mondo.

**Selma Lagerlöf:** Gösta Berling. Trad. Stellan Engholm. Eld. Soc. Esp. Stockholm.

**Julio Mangada Rosenörn:** Amelia kaj Marina: amatora poezio.

**Jakob Rosenberg:** Multiplika tabelaro. Eld. de la aŭtoro, Tallinn.

**Dro Jozefo Takács:** Katalogo de la Esperanto - Gazetaro.

**Karl Nebenzahl:** La influo de vegetarismo al morala kaj socia progresado (Nr. 1. de la Bibl. „Vegetarano", Bukaresto).

**Carl Walter:** Serio de 3 iĝi - iĝi - bildkartoj. Eld. de la aŭtoro.

**Jerzy Dropa:** Wieczny kalendarz; nakł. autora.

**E. Lanti:** Absolutismo.

**Jacob Schulchan:** Der Zionismus und seine Zukunft.

**Oficiala Dokumentaro Esperantista:**

Dudekkvina Univ. Kongr. de Esper. (Köln, 29 Julio — 5 Aŭg. 1933) eld. de I. C. K.

Oficiala Raportaro; Aldono al la Kongreslibro (2-a parto); eld. de L. K. K. de 26-a Univ. Kongr. de Esp., Stockholm.

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO

**Roman — biblioteko „Helmond".** Nederlanda presejo „Helmond" intencas aperigi esperantan Roman - bibliotekon. Ĉiumonate aperos unu 200 paĝa romano; abono por 6 romanoj 6 sv fr. + 1.20 sv. fr. por sendkostoj. La unua verko estas „Blua Sango" de Willy Wood.

**Prospekto pri Danlando.** Aperis bela prospekto pri Danlando. Ĉiujn informojn donas Turistforeningen for Danmark, Vestre Boulevard 18, Kopenhago.

**Plua esperantigo de „Turismi Teataja".** Estona turisma gazeto „Turismi Teataja", kiu depost kelke da tempo dediĉas tutan paĝon al Esperanto, aldonas nun sub ĉiu ilustraĵo ankaŭ esperantlingvan klarigon.

**Brita Esperanto Asocio havas propran aŭtomobilon.** En jaro 1929 B. E. A. aĉetis aŭtomobilon, kiu kuris ĝis jaro 1933 — 100.000 mejlojn. En la komenco de 1933 B. E. A. aĉetis novan aŭtomobilon, iom pli grandan . Portante propagandan tekston, ĝi montriĝis tre utila. En jaro 1933 ĝi vizitis 119 kunvenojn tra tuta Britujo, kurante 24.400 mejlojn.

**„La Verdemulo" — organo de ĉinaj studentoj.** Esperantistaj studentoj de Sun Yat - Sen Universitato (Kantono, Ĉinio) aperigis la unuan numeron de sia „trimonata organo de la Verdemularo".

Estas menciinde, ke lastatempe estas eldonita tre interesa traduko de la libro de Sieroszewski, Prezidanto de Pola Literatura Akademio. Tradukis la libron Mgr. Fil. B. Strelczyk.

La titolo estas: Marŝalo Józef Piłsudski. Eldonis Pola Esp. Asocio en Warszawa.

Ankaŭ la dua libro en mallonga tempo estos eldonita. Esper. traduko de nia konata samideano Prof. Sygnarski estas jam preta. Titolo estas „Kiu kulpas". Skribita de Jan Reytan, eldonita pollingve de M. Arct. Warszawa.

Libro, kies enhavo baziĝas sur la travivaĵoj de la alkoholulo estas vere imponа, profunde el la vivo ĉerpita kruela tragedio de inteligentulo, sub la influo de la alkohola malbonkutimo.

Pollingve eldonis s-ro Mayer la libreton sub la titolo „Esperanto i jego zadania". Ĝi enhavas interesajn detalojn pri la esperanto movado en Pollando kaj eksterlande.

Prof O. Bujwid en la nomo de Poll. Esp. Del. gratulis al s-ro Aŭstria Ŝtat-Kanceliero Kurth v. Schuschnigg la elekton kaj ricevis dankan respondon.

Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, jarkunvenis dum la pentekosto en Södertälje. La estrara raporto montris tre bonan rezulton. La vendado dum la pasinta jaro valoris 42,286.— sved. kronojn; tiu sumo estis la plej alta ĝis nun atingita. La gajnoperdo konto montris profitan saldon de 1,931.— kronoj. La bilanco je la fino de la jaro estis 24.522.— kr.; la akcia kapitalo estis 5.920.— kr. kaj la rezerva kapitalo 6.400.— kr. En la pasinta jaro la societo eldonis 70.000 libroekzemplerojn. En preparo estas gravaj verkoj, i. a. La historio de Gösta Berling (Selma Lagerlöf) kaj Sveda Antologio.

Dum la Stockholma Kongreso estas menciindaj du gravaj kunsidoj: de la Scienca Asocio kaj de la Tutmonda Esp. Kur. As., kiuj vigle laboris kaj en kiuj partoprenis multaj anoj. En la proksimaj n-roj ni publikigos pliajn detalojn.

De la morto de S-ro Schoofs la direktadon de la revuo „Belga Esperantisto", oficiala organo de „Belga Ligo Esperantista", reprenis s-ro Maur. G. D Jaumotte. La redakcia adreso estas: 44, Avenuo De Bruyn - Wilrijck, Antverpeno.

La 7. de septembro radiodissendejo en Praha disaŭdigis tre interesan koncerton dediĉitan al la muzikaĵoj de konataj blindaj komponistoj. Alparolon kaj klarigojn prizorgis en ĉeĥa kaj esperanta lingvo f-ino E. Pollandova. La koncerto okazis je la 21 ĝis 22 horo. Bonvolu ĉiam aŭskulti kaj nepre danki al la radiostacio por la esperanta teksto. Vi helpos per tio al nia komuna afero kaj precipe al la blindaj esperantistoj. Aŭskultu! Skribu!

## ŜTALVARA SEMAJNO EN SOLINGEN.

En la tagoj de la 28-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto nunjara okazis en Solingen (Germanlando) t. n. „Solinger Stahlwarenwoche". (Solingen'a Ŝtalvara Semajno), kiun vizitis 5000 komercistoj de ŝtalvaroj el en — kaj ekster — lando. Solingen estas konata kiel metropolo de ŝtalvaroj, kiel urbo de bonega kvalita laborado jam de mil jaroj. La Ŝtalvara Semajno ne estis nura foiro, sed okazis dum ĝi granda programo; ekspozicio, paroladoj, gvidadoj tra ŝtalvaraj fabrikoj, distraj aranĝoj, ekskursoj en la belegan ĉirkaŭajon ktp. La Ŝtalvara Semajno estis starigata precipe por la servo de ŝtalvaraj komercistoj tutmondaj. Interesuloj skribu (por ricevi informojn) al „Die Stahlwarenwoche, Solingen, Germanlando", aldonante, ke ili sciiĝis pri la aranĝo per Esperanto.

Niaj legantoj estas petataj, publikigi artikoletojn pri la Ŝtalvara Semajno en nacilingvaj ĵurnaloj kaj fakrevuoj.



# TEATRO KAJ FILMO

## PRI POLAJ REĜISOROJ.

Pioniroj en la reĝisora profesio, tiuj, kiuj laboris ĉe la naskiĝado de pola kinematografio, estis en la unua vico reĝisoroj: Biegański, Ordyński, Henriko Szaro, Aleksandro Hertz (kiu estis samtempe organizinto de la unua filmproduktejo en Polujo) k. a.

Viktoro Biegański laboras por pola filmo ne nur kiel reĝisoro, sed samtempe kiel estro de la filminstituto, en kiu studis kelkaj reĝisoroj kaj filmaktoroj. Estas menciinde, de Igo Symem malkovris ĝuste reĝ. Biegański.

Riŝardo Ordyński estas verdirante edukita de Hollywood, kie li turnis unu filmon ludinte eĉ en ĝi mem unu el la ĉefaj rolój.

En Polujo li turnis tutan vicon da filmbildoj. El pli konataj liaj filmoj estas: „Sinjoro Tadeo", „Janko Muzikanto", „Dekuloj el Paviak" filmo turnita en 1931 j. kaj havanta grandan sukceson kaj famon. La lasta ĝia filmo estis „Palaco sur radotoj" kun Sym kaj Lubieńska en ĉefaj roloj.

Eble plej konata reĝisoro estas Henriko Szaro, realiginto de sekvantaj filmoj: „Ruĝa klaŭno" kun konata, kaj bela artistino Helena Makowska, Nora Ney, E Bodo. „Voko de l' maro", „Frupritempo". En tiu lasta ludis Stefan Jaracz, Marja Gorczyńska k. a. „Al Siberio" kun Smosarska, „Jaro 1914" kaj laste „Historio de l' peko" kun Karolina Lubieńska, Samborski k. a.

Reĝ. Szaro finis siajn teatrajn kaj reĝisorajn studojn en Petersburgo. Nun li konstante laboras ĉe „Sfinks-filmproduktejo" en Varŝavo.

Aleksander Hertz estas la unua pola

reĝisoro kaj kiel mi jam menciis samtempe organizinto de pola filmo. La unuajn filmojn li realiĝis ĉe la kunhelpo de Konrado Tom kaj Korsak.

Krom la supre cititaj reĝisoroj, meritas la atenton Krawicz, kiu laboris por pola filmo ankoraŭ en 1912 j. kiel asistanto de reĝ. Hertz. Li finturnis multe da filmoj kun geartistoj de tia famo kiel Jadwiga Smosarska, Samborski, Batycka, Malicka, Krukowski, Dymsza k. kun multe, multe da aliaj samkonataj por la kineja publiko, geaktoroj.

Pli konataj filmbildoj de Krawicz estas: „Ulanoj, ulanoj", „Princino Łowicka", „Al ĉiu estas permesite ami", kaj lasttempe filmo de li realiĝita „Spiono en masko" kun Ordonówna kaj nova stelo sur la filma firmamento — Jerzy Jur, kiu meritas pro sia ludo plenan rekonon.

Nune sekvas tuta vico da nomoj de pli novaj reĝisoroj, inter kiuj Adam Krzeptowski okupas apartan lokon kiel realiganto de montaraj filmoj. Konataj de ni filmoj liaj estas: „Blanka postsigno", „Agonianta krutnuda roko" k. „Pehjela".

Filmo s. t. „Uragano" antaŭŝovis nomon de sia realiganto je la filma forumo, akirinte por li bonan markon. Jozefo Lejtes dank' al kreo de tiu filmo, ektroviĝis inter unuaj polaj reĝisoroj. Filmo „Sub Vian Defendon" estas ankaŭ lia verko.

Unua filmo, kiu turnis la atenton je Julio **Gardon estas** „Punkto super i". Poste de li kreita filmo estis „Policestro Tagiejew" kun Samborski, Marr, Marja Bogda, Nora Ney k. Sawan. Krom tiuj, li turnis ankoraŭ: „Beleco de l' vivo" k. „Dek procentoj por mi". Specialan lokon en filma produktado meritas, lia filmo: „Verdikto de l' vivo" kun Jadzia Andrzejewska, Irena Eichlerówna kaj Damięcki.

Aleksander Ford havas malantaŭ si jam pli grandan perlaboraĵon de filma produktado kaj lia filmo, en kiu ludis nuraj infanoj „Legiono de l' strato" apartenas al tre sukcesaj kaj en la pasinta jaro, ricevis oran medalon de filmĵurnalo „Kino", destinitan por la plej bona filmo de sezono 1932/33. Nune li finturnis filmon s. t. „Vekiĝo" kun Zofja Nakonieczna kaj Bazyli Sikiewicz, novaj filmakiraĵoj. Reĝ. Ford estas membro de grupo „Start", ĉirkaŭ kiu grupiĝas en Varŝavo reprezentantoj de t. n. filma avangardo, pri kiu mi parolos la sekvantan fojon.

Unu el la plej entreprenemaj filmreĝisoroj estas Miĥaelo **Waszyński**, kiu siatempe estis asistanto de Henriko Szaro. Li turnis la tutan vicon da filmoj ekz.: „Sub flago de l' amo", „Kulto de la korpo" kun eksterlandaj artistoj Miĥaelo Varkonyi k. Agnes Petersen, apud polaj geartistoj. „Danĝera amo" kun Bogusław Samborski k. Betty Aman, heroino de konata filmo „Asfalto", „Sennomaj Herooj" kun Marja Bogda k. Brodzisz, „Voĉo de la dezerto", realiĝita en Afriko de produktejo BB.-film, „Lia ekscelenco komizo", kiu estas la unua filmbildo pola rompinta la ĝisnunan eraran produktadon. „Dekdu seĝoj" estas filmo, de pol-ĉeĥa produktado, kiun reĝisoris Waszyński kune kun Mac Frick, ĉeĥa reĝisoro.

En la ĉefaj roloj aperas famaj humoristoj Vlasta Burian k. Adolf Dymsza. La filmojn „Ludilo" kun Alma Karr k. Bodo kaj „Prokuroro Alicja Horn" kun Smosarska en la titola rolo mi vidis dum pasinta sezono. Aparta belaĵo de filmo „Parado de rezervistoj" estas muzika ilustraĵo pretiĝita de Vladislao Dan, laŭdinde diferenciĝanta el inter junaj polaj komponistoj, samkiel la enroliĝo de la personoj: Tola Mankiewicz, Adolf Dymsza, Walter k. Sielański. „Kantisto de Varŝavo", en kiu ĉefan rolon ludas Eŭg. Bodo, kun Basia Gilewska kaj filmbildo s. t. „Li amas... li ŝatas.. li respektas...", verŝajne finfermas filman vicon realiĝitan de reĝisoro Waszyński en la kuranta sezono.

Por doni la kompletan bildon de reĝisoroj en la pola filmproduktado mi ankoraŭ povus citi multon da malpli konataj nomoj kiel Biske, Megliński, Nowina-Przybylski, Chrzanowski k. a.

**Irena Traumówna.**

---

„Esp.-ekspozicio okazos la 10 de oktobro en la fama urbo Suĉuo (Soochow) de ĈINIO.

Estimataj Ges-anoj.

Bonvolu sendi al ni gazetojn, libroin (novajn k. malnovajn) dokumentojn, afiŝojn, poŝtkartojn kaj aliajn materialoj de kaj pri Esperanto por riĉiĝi nian baldaŭ okazontan ekspozicion. Antaŭdankon pro via afabla helpo.

**Adreso:** Suĉua Esperanto Asocio, 3 Sia Chiao Chang, Soochow. ĈINIO.

## POLLANDA KRONIKO

**Warszawa.** La 22. VI. 34. finiĝis en Esperanta Sekcio de Pola Touring-Klubo elementa kurso laŭ Ĉe-metodo (komencita la 18. IV. 34). Gvidis ĝin f-ino Halina Weinstein. Tiun ĉi kurson sekvos en aŭtuno la daŭriga.

Julia numero de „Turysta i Auto" („Turisto kaj Aŭtomobilo") enhavas tre detalan komunikon pri la pola karavano al la XXVI Universala Kongreso en Stockholm. Krome novajoj el esperanta movado.

### RADIO.

Post la somera paŭzo ekfunkcios Esp.-prelegoj en polaj radiostacioj: Kraków, Warszawa k. a depost oktobro.

Le prelegoj okazados ĉiusemajne. La programon ni donos en la oktobra n-ro de „Pola Esper.".

### GRAVA SCIIGO POR KURSGVIDANTOJ!

Bonege konservitan, kompletan, antikvaran kursmaterialon laŭ Ĉe-metodo, bezonegan por kursgvidantoj havigu ĉe „Pola Esperantisto", Kraków, Lubicz 34. Prezo je demando.

## RICEVITAJ GAZETOJ.

Amerika E-isto; Aŭstria E-isto; Belga E-isto; Berichte zur Kultur - u. Zeitgeschichte; Bona Libro estas Bona Amiko; The British Esperantist; Bulgara E-isto; Dansk Esperanto - Blad; L' Esperantiste Sisteronnais; Esperanto; L' Esperanto; Esperantistul; Espero Katolika; Fluganta Skribilo; Franca E-isto; Germana E-isto; Heroldo de Esperanto; Hispana Esperanto Gazeto; Informilo de Germana E-Ligo en Ĉeĥoslovakio; Informoj de Estonio; La Interligilo de L' P. T. T.; Internacia Medicina Revuo; Internacia Pedagogia Revuo; Jugoslovenska Pošta, Telegraf i Telefon; La Juna Vivo; Laborista E-isto; Libero; Ligilo por Vidantoj; Lingvo Internacia; Lingvo — Libro; Literatura Mondo; Morze; Nederlanda E-isto; Norvega E-isto; Ondo de Daŭgava; Oomoto Internacia; Polska na Morzu; La Praktiko; Radio — Esperanto; Scienca Gazeto; Senaciulo; Suda Stelo; Sveda Laborista E-isto; Svenska Esperanto — Tidningen; Turysta i Auto; U. Ŝ. E. — EĤO; Vegetarano; La Verda Lumo.




PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 80.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.
ANONCOJ 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.660

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 6. Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.